27 — a JARO MAJO — SEPTEMBRO 1933 N. 5 — 9

# Brazila Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**Societo de publika utileco, laŭ registara dekreto N. 4356, 26 Oktobro 1921**

**Respondeca redaktoro (redactor principal) s-ro Carlos Domingues**

REDAKCIO — Av. Marechal Floriano, 212

RIO DE JANEIRO — BRAZILO



Grupo de la partoprenintoj en la esperantista vespermanĝo honore de S-ro Enrique Legrand

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

## (Liga Esperantista Brasileira)

*Societo de publika utileco, laŭ registara dekreto N. 4.356, 26 Oktobro 1921*

*Estraro de B. L. E.*

*Honora prez.* — D-ro Everardo Backheuser
*Hon. vic-prez.* — D-ro Venancio da Silva
*Prezidanto* — Inĝ. A. Couto Fernandes
*Vicprezidanto* — D-ro Carlos Domingues
*Generala sek.* — D-ro L. Porto Carreiro Neto
1.ª *sek.* — S-ro Guilherme Azambuja Neves
2.ª *sek.* — F-ino Irani Baggi de Araujo
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet

---

GRUPOJ ALIĜINTAJ

1. BRAZILA KLUBO "ESPERANTO". (1906) Sidejo: *Av. Marechal Floriano, n.º 212. Rio de Janeiro.*
2. VIRINA KLUBO, (1912) Sidejo: *Av. Marechal Floriano,* n.º 212. *Rio de Janeiro.*
3. ESPERANTISTA RONDETO "VERDA STELO". (1919). *São Bonifacio. Correio de Terezopolis, Sta. Catarina.*
4. SUD-BRAZILA ESPERANTISTIGILO". (1927). Sidejo: *Rua dos Andradas,* 1.431. *Porto Alegre. Rio Grande do Sul.*
5. SERVIÇO DE ESTATISTICA GERAL DO ESTADO DE MINAS GERAES. (1929). *Secretaria da Agricultura. B. Horizonte. Minas Gerais.*
6. GIMNAZIA ESPERANTISTA RONDETO. (1929). Sidejo: *Ginasio Catarinense. Florianopolis. S. Catarina.*
7. JUNULARA ESPERANTISTA SOCIETO. (1930). Sidejo: *Rua Grão Mogol,* 197. *B. Horizonte, Minas Gerais.*
8. CENTRO ESPERANTISTA DE PARANÁ. (1931). Sidejo: *Avenida João Gualberto,* 726. *Curitiba. Paraná.*

---



# ESPERANTA GAZETARO

ESPERANTO EN JAPANUJO. Ilustrita revuo en japana lingvo kaj Esperanto. Redakcio: 2-43, *Numabukuro — Minami. Nakano, Tokio. Japanujo.*

ESPERANTO-ROMAN-GAZETO. Eldonanto kaj respondeca redaktoro: Friedrich Ellersick, L. K. Eldonejo: Esperanto-Verlag, *Wilms-Strasse* 5, *Berlin S W* 61. *Germanujo.* Elvenas duonmonate: la 10an kaj 25an de ĉiu monato. Abonprezo: por 3 monatoj 1, 80 RM, por 6 monatoj 3, 30 RM, por 12 monatoj 6,00 R M aŭ egalvaloro en alia valuto. Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.

La PIRATO. Monata publikigaĵo. Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa. Ŝipestro: Raymond Schwartz. Redakcio: 5, *Avenue Galliéni, Courbevoie (Seine) Franclando.* Unujara abono (12 numeroj) kostas 15 fr. frankojn. Ĉiuj pagoj estu farataj al S-ro J. Solsona, 9, *rue Hallé, Paris* — XIVe.

DIA REGNO. Oficiala ligorgano de "Kristana Esperantista Ligo Internacia", fondita en 1911 en Antverpeno. Tria reapero. Red. kaj Adm.: Paul Hübner, *Pölkenstrasse* 4, *Quedlinburg, Germanujo.* Abonprezo por neliganoj: 2 RM, po jaro.

BULTENO DE ĈEĤOSLOVAKA ASOCIO ESPERANTISTA. Senpage por membroj de Ĉs. Asocio Esperantista. Aperas sesfoje dum la jaro. Red. kaj Adm.: *Praha XIX, Uralské nám,* 447.

LA JUNULARO KAJ LA MONDPACO. Ĉi tiu gazeto estas eldonita la unuan fojon kiel junulargazeto, okaze de la 18a de Majo, la Tago de Bonvolo, nur en Nederlando en 1928, por infanoj 10-14 jaraj. En 1929 aperis la franca eldono. En 1930 estas elektita internacia redakcio, kiu klopodas eldoni ĝin en kiel eble plej multe da lingvoj kaj landoj. Nun ĝi aperas en 10 lingvoj kaj en Esperanto. Prezo: 1 ekz. 0,10 sv. frankoj. 25 ekz. kaj pli 1.25 sv. frankoj. Bonvolu mendi nur antaŭpage ĉe S-ino Romeyn, 6 *Statenlaan. Den Haag, Nederlando.*

---

BRAZILA ESPERANTISTO



OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

27 - a Jaro | Respondeca redaktoro — S-ro CARLOS DOMINGUES | Numero 5-9 (262-266)

| | | |
|---|---|---|
| Aliĝo al B.L.E. 10$000<br>Eksterlande Sv. fr. 4 | Majo - Septembro 1933 | REDAKCIO — Rua Marechal Floriano, 212<br>RIO DE JANEIRO — BRAZILO |

# La unuecigo de la Esperanto-Movado Interkonsento de Kolonjo

Universala Esperanto-Asocio, Konstanta Reprezentantaro de la landaj Esperanto-asocioj kaj Universala Esperantista Federacio interkonsentas pri la ĉi subaj aranĝoj:

I. Universala Esperanto-Asocio estas la tutmonda organizaĵo Esperantista, reprezentanta la Esperanto-movadon kaj organizanta universalajn kongresojn.

II. La landaj Esperanto-Asocioj aligas siajn membrojn al U. E. A., se ili plenumas la jenajn kondiĉojn:

1. posedi organizan formon (regularon, konsiston de komitato, k. c.), kiu vidigas klare, ke temas pri landa asocio neŭtrala.

2. havi minimume 100 membrojn.

Pri la akcepto decidas la Komitato.

III. La landaj Esperanto-Asocioj aligas siajn membrojn al U. E. A. laŭ la jenaj kondiĉoj:

1. ili pagas jarkotizon de Sv. fr. 0,50 por ĉiu el siaj regulaj membroj; ĉi-tiuj membroj estas simplaj membroj de UEA, ili rajtas la internacian membrokarton kaj uzi la servojn de la delegitoj pri vojaĝhelpo kaj informpetado.

2. la landaj asocioj pagas aldonan kotizon por tiuj membroj, kiuj deziras ricevi la jarlibron aŭ la jarlibron kaj la gazeton de UEA; tiuj ĉi membroj estas nomataj membroj aktivaj. La landaj asocioj sindevigas varbi kiom eble plej multe da tiaj membroj.

IV. En landoj, kies asocio aligis siajn membrojn, oni aldonas al la kotizo el ĉiu kategorio proksimume 50% de la normala kotizo de la nuna membro kun jarlibro, por tiuj membroj, kiuj ne apartenus al la landa asocio. Tamen la ĝisnunaj membroj de UEA ne apartenantaj al la landa asocio povas resti membroj laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj, ĝis fino de 1936.

V. La landaj asocioj prenas sur sin la administradon de la membroj en sia lando, laŭ la reguloj de la Centra Oficejo, kaj nomas ĉefdelegiton interkonsente kun UEA.

VI. La landa asocio nomas la lokajn delegitojn interkonsente kun la ĉefdelegito kaj komunikas la liston al la Centra Oficejo.

VIII. La Internacia Komitato de UEA konsistas el:

a) Komitatanoj elektitaj de la landaj Asocioj aligintaj siajn membrojn;

b) Komitatanoj elektitaj de la lokaj delegitoj en la landoj, kies landa asocio ne jam aligis siajn membrojn kaj en la landoj, kie ne jam ekzistas landa asocio;

c) Komitatanoj elektitaj de la komitatanoj sub a) kaj b).

Ĉiu landa asocio kun minimume ducent ĝis mil membroj elektas unu komitatanon kaj plian por ĉiu komencita milo da membroj, por kiuj ĝi pagis kotizon por la pasinta jaro.

La lokaj delegitoj de la landoj, kies landa asocio ne jam aligis siajn membrojn aŭ kie tia asocio ne jam ekzistas, elektas grupe po unu komitatano por ĉiu kvincento aŭ komencita kvincento da membroj.

La komitatanoj sub a) kaj b) povas nomi komitatanojn sub c) ĝis la triono de sia propra nombro.

Ĉiuj komitatanoj havas samajn rajtojn kaj devojn.

VIII. La fakaj societoj, institucioj, k. t. p. povas sin enskribigi kiel partoprenantojn en la ĝenerala Esperanto-movado, kontraŭ fiksita pago.

IX. Okaze de ĉiu Universala Kongreso de Esperanto kunsidas "Konsilantaro de la Esperanto-Movado". Ĝi konsistas el: la komitatanoj de UEA, la reprezentantoj de la aliĝintaj landaj asocioj havantaj malpli ol 200 membrojn, la ĉefdelegitoj au iliaj reprezentantoj, la honoraj membroj, la dumvivaj membroj, la patronoj kaj la reprezentantoj de la asocioj kaj institucioj registritaj kiel partoprenantoj en la ĝenerala Esperanto-Movado. Tiu Konsilantaro esploras la jarraportojn pri la stato de la movado, konsideras proponojn pri disvastigo kaj utiligo de la lingvo kaj priparolas programon de laboroj entreprenotaj. Ĝi decidas per plimulto de la ĉeestantoj en formo de deziresprimoj, kiujn ĝi transdonas al la Komitato de UEA.

X. Post sia likvido ICK, KR kaj U. F. E. transdonas al UEA siajn havaĵojn kaj dokumentojn. La Komitato kaj Centra Estraro fiksos la novajn devojn de la ĝisnunaj direktoroj kaj oficistoj de ICK kaj de UEA.

XI. Necesaj ŝanĝoj en la regularo de UEA estos tuj farataj laŭ la ĉisupraj aranĝoj. La nuna Komitato de UEA sendos la ŝanĝojn al la delegitoj por ke la voĉdono estu finita je la fino de Oktobro 1933.

XII. La landaj asocioj elektos siajn respektivajn komitatanojn antaŭ la 15-a de Oktobro 1933.

XIII. La neceso estos farata por ke la nova aranĝo ekfunkciu je la 1-a de Novembro 1933.

Kolonjo, la 4-an de Aŭgusto 1933.

Tiu ĉi interkonsento estas ankaŭ subskribita de S-ro Ildefonso Falcão, brazila konsulo en Köln kaj reprezentanto de Brazila Ligo Esperantista.

## BRAZILA REGISTARO KAJ ESPERANTO

D-ro Washington Pires, Ministro de Edukado, ricevinte peton de la prezidanto de B. L. E. skribis al d-ro Melo Franco, Ministro por Eksterlandaj Aferoj, petante ke li elektu personon, kiel reprezentanton de la Brazila Registaro ĉe la 25ª Universala Kongreso de Esperanto. Por tiu komisio estas elektita s-ro Ildefonso Falcão, brazila konsulo en Kolonjo.

S-ro I. Falcão, kiu ankaŭ reprezentis Brazilan Ligon Esperantistan, Societon de Geografio kaj Komercan Asocion de Rio de Janeiro, kontentige plenumis sian taskon.

— Plenumante peton de B. L. E. d-ro Antunes Maciel, Ministro por Internaj Aferoj, post laŭdega informo de la Ministro de Edukado pri la utileco de la verbo, donis rabaton da 50% (ekster la papero) por la presigo de nia nova Portugala-Esperanta Vortaro ĉe la Oficiala Presejo.

## ESPERANTO KAJ EDUKADO

S-ro A. Couto Fernandes remalfermis la kurson de Esperanto ĉe la publika lernejo "Rodrigues Alves", antaŭ kelkaj jaroj permesitan de la Direktoro de l' Publika Instruado. En la 18ª de Majo, Tago de Bonvolo, liaj gelernantoj sendis salutan leteron al la infanoj en Kimrujo, pere de F-inoj Keiser, en Nederlando, korespondantinoj de la esperanta eldono de "La Junularo kaj la Mondpaco".

En la Tago de Esperanto, 2ª de Junio, malfermiĝis du kursoj sub la aŭspicioj de Brazila Klubo Esperanto.

Unu el ili estas publika kaj senpaga kaj funkcias marde kaj vendrede ĉe la sidejo de la grava Asocio de Komercoficistoj sub la gvidado de d-ro Luiz Porto Carreiro Neto. Ĉe la malferma leciono, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 50 personoj, reprezentiĝis la estraro de la Asocio kaj S-ro Ary Guimarães, Lernada Direktoro, diris al la gelernantoj kelkajn kuraĝigajn vortojn.

La alia kurso, kiun direktas d-ro Carlos Domingues, prezidanto de l' Klubo, estas speciala por la anoj de l' Unuiĝo de la Studentoj ĉe la Teknika-Komerca Lernejo. Preskaŭ ĉiuj enskribiĝis en la kurso.

## DICIONÁRIO PORTUGUÊS-ESPERANTO

Está no prelo o Dicionário Português-Esperanto, organizado pelos Srs. Drs. Alberto Couto Fernandes, Carlos Domingues e Porto Carreiro Neto, presidente, vice-presidente e secretário-geral da Liga Esperantista Brasileira.

As excelentes oficinas da Imprensa Nacional estão realizando um trabalho que, esperamos, corresponderão á expectativa dos esperantistas que encomendaram a obra.

Um livro dêsse gênero, é claro, não pode nem deve ser composto e impresso de afogadilho.

Mas a Liga está fazendo o possível para acelerar o aparecimento do "Dicionário", que todos os Esperantistas de Portugal e do Brasil reconhecem um livro necessário.

## O BRASIL NO 25° CONGRESSO UNIVERSAL DE ESPERANTO

A Liga Esperantista Brasileira recebeu do Sr. Ildefonso Falcão, consul do Brasil em Colônia, o seguinte ofício:

"Consulado dos Estados Unidos do Brasil.

Colônia, 16 de Agosto de 1933.

Senhor Doutor Porto Carreiro Neto.

Havendo recebido, embora com um pouco de atrazo, a solicitação de V. S., muito honrosa para mim, procurei desincumbir-me com toda a boa vontade da missão de que me investiu a Brazila Ligo Esperantista, do Rio de Janeiro.

Tomei parte em todas as sessões, como representante tanto dessa ilustre Associação como do Ministerio de Educação, da Sociedade de Geografia e da Associação Comercial, observando, com prazer, o alto conceito em que são tidos os esperantistas brasileiros entre os seus colegas europeus e até asiáticos. Elementos do "Comité" diretivo, como o Dr. Fr. Schoofs, de Antuérpia, referiram-se aos Drs. Carlos Domingues e Couto Fernandes com largos gabos.

No carater de Delegado brasileiro apresentei uma proposta no sentido de que um dos próximos Congressos venha a reunir-se na Capital, por excelência, da América Latina — Rio de Janeiro.

Aludi, então, ás facilidades de transporte que o Governo do Brasil daria, seguramente, ás Delegações em navios do Lloyd Brasileiro. Junto, com um programa completo das atividades do Congresso, que logrou o maior êxito, as conclusões do mesmo que assinei como Delegado brasileiro, representante da Brazila Ligo Esperantista.

Apresento a V. S. os protestos da minha perfeita estima e distinta consideração.

*Ildefonso Falcão".*

## LA PREMIO NOBEL KAJ COELHO NETO



PAUL NYLÉN
Honora prezidanto de Sveda Esperanto-Federacio kaj vicprezidanto de la Esp. Akademio.

Jen letero, kiun Brazila Ligo Esperantista ricevis de S-ro Paul Nylén, prezidanto de "Sveda Esperanto-Federacio":

"Huddinge (apud Stockholm), la 10. VII. 1933.

Tre estimata samideano!

Vian leteron kaj tradukon pri la Brazila Nobel-kandidato Coelho Neto mi siatempe ricevis kaj faris pri tio artikoleton, kiun mi publikigis per la gazetaro. Ĝin enpresigis, mi kredas, ĉiuj svedaj gazetoj, ĉe la plej malgrandaj provincaj. Po unu ekz. de la plej gravaj ĉefurbaj gazetoj mi sendis al vi la 30/6. Mi sendis la tutajn gazetojn, ĉar mi pensis, ke povus esti por vi interesa afero vidi specimenojn de svedaj gazetoj. Ankaŭ vi povas aranĝi malgrandan ekspozicion per ili.

Nia afero bone progresas en Svedujo. Kompreneble ke ne sen kontraŭstaro, sed ĝi ekzistas ja por venki.

Kun amika samideana saluto

Via

*Paul Nylén.*

Tiun ĉi ĝentilan leteron B. L. E. respondis per varma dankletero.

En unu el la semajnaj kunsidoj de la Brazila Beletristika Akademio d-ro Afranio Peixoto prezentis al siaj kolegoj la svedajn ĵurnalojn ricevitajn de B. L. E.

Diversaj ĵurnaloj el Rio de Janeiro kaj el la Ŝtatoj priparolis pri tio kaj la belilustrita semajna revuo "O Malho" reproduktis peceton de unu el la artikoletoj aperintaj en la svedaj ĵurnaloj.

## TURISMO KAJ ESPERANTO

S-roj A. Couto Fernandes kaj Carlos Domingues, estraranoj de B. L. E., faris viziton al "Touring Clube do Brasil". Ili estas ĝentile akceptitaj de s-ro Cerqueira Lima, vicprezidanto, al kiu ili montris la skribaĵojn ricevitajn de B. L. E. el diversaj landoj kun petoj pri la ilustrita gvidlibro de Rio de Janeiro eldonita de tiu klubo kaj ankaŭ gvidlibrojn eldonitajn de diversaj turismaj kluboj. Tiuj ĉi bonan impreson faris al s-ro Cerqueira Lima, kiu promesis viziti la sidejon de B. L. E. kaj permesis la surmeton de tabulaĵo indikanta la sidejon de Esperanto sur muron de la informejo de l' klubo, loko bone vizitata de la vojaĝantoj. Estas ankaŭ decidite ke B. L. E. sendu leteron al la prezidanto de Touring Clube oferante siajn servojn por la traduko de estontaj eldonaĵoj de la klubo. Post kelkaj tagoj estas legita dum la kunsido de ĝia estraro letero de B. L. E., kies kopion la turisma klubo mem sendis al la ĵurnaloj, kiuj ĝin publikigis.

S-ro Berilo Neves, tre konata verkisto, direktoro de la publikigada fako, estas tre simpatia al Esperanto.

B. L. E. sendis ankaŭ leteron al la prezidanto de la Urba Turisma Komitato.

## La lastaj elektoj en la Esperantan Akademion kaj en la Lingvan Komitaton

En julio 1932 okazis balotoj por: anstataŭigo de 3 Akademianoj (Cart, Dietterle kaj Millidge), reelekto de la L. K.-anoj, elekto de novaj membroj.

Elektitaj Akademianoj: s-roj Aymonier kaj Butler.

Reelektitaj L. K.-anoj: s-roj Aymonier, Rollet de l' Isle, Won Kenn, d-ro L. Zamenhof, Chavet, Blicher.

Elektitaj L. K.-anoj: s-roj Sevak, Ĵirkov, Orengo, O. van Schoor, Jansson, Miĥalski, Carlos Domingues, Cseh, f-ino Jane Baird, s-roj B. Paulsen, Bonnevie, Wadham, Couteaux, Porto Carreiro Neto, E. Archdeacon.

Pro la rezignoj de s-roj Warden (poste mortinta) kaj Bluter, fariĝis nova balotado, en majo 1933, kaj tiam eniris en la Akademion s-roj Rollet de l' Isle kaj P. Bennemann.

En junio samjara estis elektitaj: s-roj Rollet de l' Isle, prezidanto; Migliorini kaj P. Nylén, vicprezidantoj. S-ro Rollet de l' Isle enoficiĝis la 1an de julio.

## REVUO DE LA SOCIETO DE GEOGRAFIO

Kiel ni diris en nia lasta numero, la "Revuo de la Societo de Geografio de Rio de Janeiro" komencis en sia volumo XXXV (unua duonjaro de 1932) la publikigadon de resumoj en Esperanto de ĉiuj ĝiaj artikoloj. En la du sekvintaj numeroj de tiu revuo ankaŭ aperis tiuj resumoj, kiuj havas grandan gravecon por la propagando de Esperanto pro la prestiĝo, kiun ĝuas la Societo de Geografio.

En ĉiuj ĝiaj monataj kunsidoj estis legitaj leteroj kaj poŝtkartoj petantaj ekzemplerojn de la revuo kaj ankaŭ laŭdantaj la iniciativon de la Societo.

En la septembra kunsido oni legis leteron de la brazila konsulo en Kolonjo, s-ro Ildefonso Falcão, en kiu li raportas pri la Kongreso de Esperanto, kiun li ĉeestis ankaŭ kiel reprezentanto de la Societo, kaj deklaras ke ties revuo estas multe foliumita de la kongresanoj.

## BRAZILA KLUBO "ESPERANTO"

En sia lasta kunsido la anoj de Brazila Klubo "Esperanto" elektis sian novan estraron, kiu konsistas el la jenaj personoj: Prez., d-ro Carlos Domingues; vicprez., d-ro Luiz Porto Carreiro Neto; unua sek., d-ro Gentil Fernandes; dua sek., s-ro Nelson Dantas; unua kas., f-ino Irani Baggi de Araujo, dua kas., s-ro Carlos Borromeu da Costa Leite.

Jen la nova konsilantaro: F-ino Ester Bloomfield, d-roj Agenor de Miranda, Heitor Beltrão, J. B. Mello e Souza, Teobaldo Recife, Teófilo de Almeida, generalo J. Silveira Sobrinho kaj s-roj Ismael Gomes Braga, Guilherme Azambuja Neves kaj Alexandre Emilio Sommier.

Oni aprobis kondolencan voĉdonon pro la morto de d-ro Guimarães Natal, ministro de Superega Tribunalo, kaj unu el la plej malnovaj brazilaj esperantistoj, kaj koran dankon al s-ro Francisco Falcão pro la donacoj faritaj al la biblioteko de la klubo.

# S-ro Enrique Legrand

La 12an de Aŭgusto la prezidanto de B. L. E. ricevis la jenan radiotelegramon el la vaporŝipo Arlanza: "S-ro Couto Fernandes. Rio. Akceptu koran saluton por vi kaj por la bravaj brazilaj esperantistoj. Legrand".

Tiu ĉi estas sendita de S-ro Enrique Legrand, urugvaja sciencisto, ekskonsilanto de I. C. K. kaj ano de B. L. E., kiu alvenis al Rio la sekvintan tagon. Lin akceptis ĉe la kajo S-roj Couto Fernandes kaj Porto Carreiro Neto, kiuj kondukis lin al Itajubá Hotelo, kie li loĝis dum sia restado en Rio de Janeiro. S-ro Legrand estas granda ŝatanto de la ĉefurbo de Brazilo, kiun li kune kun sia familio diversfoje preterpasis dum siaj pluraj vojaĝoj al Eŭropo okaze de la Universalaj Kongresoj de Esperanto.

S-ro Legrand veturis al *Recife*, ĉefurbo de *Ŝtato Pernambuco*, per la germana aerŝipo Zeppelin. Dum sia restado en Rio li vizitis diversfoje la sidejon de B. L. E.

La 9an de Septembro okazis ĉe la restoracio de la Domo de la Brazila Lernanto vespermanĝo organizita de la estraro de B. L. E. honore de s-ro Legrand.

Ĉe Loforma tablo ornamita per naturaj floroj kun la busto de Zamenhof sur ĝia centro sidis dudekunu gesamideanoj. Sur unu el la muroj vidiĝis granda esperantista flago.

S-ro J. B. Mello e Souza legis humoraĵan raporton pri la antaŭa manĝo, kiu estas varme aplaŭdita. Poste oni aklamis raportonto S-ron Ismael Gomes Braga.

S-ro Couto Fernandes, prezidanto de B. L. E., sciigis ke tiu ĉi ricevis leteron de S-ro Ildefonso Falcão, brazila konsulo en Kolonjo, reprezentinta ĉe la 25ª Universala Kongreso de Esperanto la Brazilan Registaron, Brazilan Ligon Esperantistan, Societon de Geografio kaj la Komercan Asocion. S-ro Falcão ĉeestis ĉiujn kunsidojn, subskribis la interkonsenton de Kolonjo kaj proponis ke unu el la estontaj kongresoj okazu en Rio de Janeiro. Tial s-ro Couto Fernandes proponis ke oni sendu al s-ro Falcão dankan saluton utiligante menuon, kiun ĉiuj ĉestantoj subskribos. La propono estas varme aprobita. D-ro Porto Carreiro Neto, en la nomo de la brazila esperantistaro, per belaj vortoj, salutis s-ron Legrand. Tiu ĉi vere kortuŝite dankis la saluton kaj legis poŝtkarton de la malnova kaj fervora esperantisto s-ro Enrique Muñoz, nuna konsilanto de I. C. K., per kiu li sin memorigas al la brazilaj samideanoj.

F-ino Irani Baggi de Araujo petis al s-ro Legrand, ke li transdonu al siaj samlandaj esperantistoj la salutojn de iliaj brazilaj samideanoj.

S-ro Ismael Braga eldiris toston al la fremdaj esperantistoj, tiam reprezentataj de s-roj Roger Goodland, anglo, kaj Jakob Kristoferson, svedo, kaj per feliĉaj vortoj montris ke Esperanto estas vivanta lingvo, ĉar kiel okazas al la naciaj, per ĝi ankaŭ oni povas esprimi ĉiujn homajn sentojn.

S-ro Goodland, nome de la fremdaj esperantistoj, dankis la toston.

S-ro Malba Tahan, tre ŝatata brazila verkisto, diris unu el siaj arabaj rakontoj.

Krom la cititaj partoprenis la vespermanĝon la jenaj personoj: S-inoj Rackel Bessa kaj Dulce de Porto Carreiro, f-inoj Ester Bloomfield kaj Maria Cesar, generalo J. Silveira Sobrinho, d-roj Carlos Domingues, Alexandre E. Sommier, Sylvio do Valle Amaral, s-roj E. Felix Tribouillet, Odillo Pinto, Nelson Dantas kaj Alexandre Brigoli.

Jen estas la saluto farita de d-ro Porto Carreiro Neto:

"Eminenta kaj tre estimata samideano s-ro Enrique Legrand.

Streĉaj ligiloj de amikeco jam de longe nin alproksimigas.

Kiom da fojoj vi preterpasis nian urbon al aliaj landoj, kaj kiom da fojoj vi antaŭsciigis nin pri via aldirekto al nia haveno, sed nur preterpase! Tiam vi jam distingis nin per via honora amikeco, kaj tie ĉi vi ĉiufoje trovadis amikojn sur la kajo, por vin ĝoje manpremi kaj kun vi promeni en la urbo. Daŭra korespondado estis vigle tenata inter ni jam multajn jarojn. Poste, tio estis poeziaĵo, kiun vi legis en "Brazila Esperantisto", verkita de via amiko vin nun salutanta; tiujn simplajn versojn vi nomis "poemo": vi forgesis vin mem, faman poeton. Tion faras memkompreneble la amikeco.

Oni diras ordinare, ke la amo estas blinda; mi aldiras, ke nevidpova estas ankaŭ ĉia amikligilo. La blindaj kreas al si mondon fantazian, kaj fine *vidas* sin mem, sian internon.

La logiko nin lernigas, ke ĉiu kono estas nur idea: ĝi ne estas materio, kun karno kaj ostoj, kun maso kaj denseco, kun koloro aŭ ia alia distingilo. Kiam oni parolas pri la

"homo", oni modlas, oni pentras en si mem homon ian ajn, idean tipon kun la karakteroj de ĉiu el ni: tiu homo havas nedifinitan altecon, rason aŭ naturajn kvalitojn. Tion ni faras, internigante en nian spiriton la mondon objektivan.

Jen, kial oni diras, ke nur reala estas la idea mondo, la mondo hominterna, la mondo, kiun neniu vidas. En ĝi la objektoj estas la samaj, ĉar simplaj ombroj da konkretaĵoj. En ĝi ŝanĝiĝas nenio, kiel en nia konstante varia mondo ekstera.

Se la organismo havas pordiston — la guston —, enlasantan nenion malutilan al la fiziologiaj organoj, la spirito, siaflanke, havas ankaŭ gardostaranton, kiu permesas la eniron en la mondon internan: tiu estas la *konscio*. Sed, se la gusto estas subaĉetebla, ĉar oni ja povas dolĉigi amaran pilolon, la konscio de la superaj homoj akceptas skrupule nur la veron, kaj des pli skrupule, ju pli alta la menso. Nu, sole la artisto vivas realan vivon, ĉar li komprenas la universon: esti artisto estas iom alproksimiĝi al Dio.

Ju pli alta la menso, kiu konceptis kaj aliigis la eksteran mondon, por ĝin alfari al sia mondo interna, des pli ĝustaj estas tiu aliigo kaj adaptado, des pli proksimaj estas la mensoj de la homoj. De la vasta bazo de tiu grandega konuso, kie kunpremiĝas la homamaso, la spiritoj leviĝas kaj elektiĝas, pli kaj pli intersimilas, pli kaj pli da komunaj sentoj estiĝas pri la mondo reala. Tiuj spiritoj celas ĉiam pli alten, la supron, la pinton, la verticon: kaj en tiu vertico ekzistas ja la realo, ĉar vertico estas — DIO!

Vi, poeto, legante poeziaĵon, ne legas ĝustedire la versojn, sed translegas trans la skribaĵo: figuriĝas en la artista tolaĵo la bildo de lia propra transkreaĵo, kiu ja estas bela: la artisto havas la povon fari kreaĵon el la plej bagatela afero, mirindaĵon el la plej malbelaj senvaloraĵoj.

Vi, eminenta s-ro Legrand, estas artisto. Artisto vi estas en ĉiu fako de via aktiveco. Esperanto altiras vin pro la artflanko, kiu ideale kunligas la homojn; vi, idealisto, — ĉar artisto —, ne povus ne esti nia samideano. Artisto vi estas, altŝatata amiko, en la materiala kalkulado de la astronomiaj nombroj, ĉar la steloj — misteraj, kia la animo de artisto — vian rigardon allogas kaj katenas. Artisto vi estas, samideano, pro la ensorĉa maniero, en kiu vi ja kaptas la korojn de viaj konatoj, ĉar mi estas konvinkita, ke ĉiu, kiu faros vian konatiĝon, — tiu estos nepre regato de via koro.

Laŭdata estu Dio, kiu vin kondukis ĉifoje en nian modestan rondon, por ke ni povu dum pli da tempo ol antaŭe ĝui vian kunestadon.

Benata estu nia afero, kiu donis al ni la feliĉan okazon havi tiel distingindan amikon.

Karmemora estu por ĉiam nia genia Majstro, kiu heredigis al la homaro la plej rapidan rimedon por la tutmonda paco: la "internan ideon" de ESPERANTO!".

## Novos cartões postais ilustrados da Hungria

O Boletim do Correio Real Húngaro acaba de publicar uma informação relativa aos novos cartões postais ilustrados oficiais da Hungria. Os cartões representam um tipo inteiramente novo de edições húngaras. São impressos em papel amarelo-claro e a impressão é em côr violeta. O desenho do novo sêlo apresenta uma águia, de pé sôbre um rochedo, de asas estendidas e segurando uma espada entre as garras. Junto da marca do sêlo uma vinheta com o brasão húngaro tem o dístico — "Correio real húngaro" — "Cartão postal" em língua húngara. No lado esquerdo ha um quadro, cuja significação está impressa em húngaro, francês (língua oficial da União Postal Universal) e em Esperanto para todas as outras nações. A série é do valor de 16 fileres cada cartão e compreende 16 cartões. Os quadros teem os seguintes dizeres: 1. Abadia de Pannonhalma; 2. Budapest, Estátua de S. Estêvão, primeiro rei da Húngria; 3. Ruinas da fortaleza Drégely; 4. Panorama no Danubio com Visegrád; 5. Parada da guarda real; 6. Eger, Catedral; 7. Péca, Matriz; 8. Budapest, Lago do bosque da cidade e monumento do milênio; 9. Széged, Vista parcial; 10. Lillafured, Balnéario; 11. Abadia de Tihany; 12. Budapest, Vista parcial (Perspectiva sôbre o monumento Gellért); 13. Godolo, Castelo real; 14. Paiságem da Puszta (a estepe húngura); 15. Godolo, Ginásio, ala dos professores; 16. Panorama de Sárospatak.

Esperam-se novas edições. Empregando o Esperanto a Húngria segue agora o exemplo de Danzig, da União Sovietica e do Liechtenstein.

AL LA STELOJ

*Al poeto Luiz Porto Carreiro Neto, en danka respondo.*

Steloj, steloj,
Lumaj vortoj,
Vortoj diaj!
Min karesas
Via lumo,
Min konsolas.

Espero en vi kaj paco!
Tro klare montras la tago
Nian homan mizeregon;
Venas nokto:
For la duboj,
Songo, prego!

Ha, priokupoj, aspiroj vantaj!
Sub la fermita arkaĵo blua,
Nur al la tero iras rigardoj;
Ardas sango
Dum nin vipas
Fajro suna.

Kaj tiam la homo imagas la ter' estas ĉio,
Nenio, ekstere de l'blua arkaĵo aera:
Limigu la penson, kaj lasu la revojn al stultoj,
Nur batalu
Por plezuroj,
Por riĉeco!

Tia de l'tago por vi l'instruo,
Senpensa homo? Nokte, rigardu!
Tero en ombro; ĉielo luma:
Al okuloj
Sin elmontras
L'Infinito.

L'Infinito, la patrujo
De l'animo!... Eterneco!
Libereco de l'spirito!
Mi vin volas
Ekkompreni,
Lingvo dia!

Steloj, steloj,
Lumaj vortoj!
Sub kareso
Via dolĉa
Kvietiĝas
Kor' ribela.

*Enrique Legrand.*

Rio de Janeiro, 16 Aŭgusto 1933.

———⊛———

## SKOLTISMO KAJ ESPERANTO

"Jornal do Brasil" publikigis lecionon de Esperanto verkitan de S-ro Saldanha Carreira, klera kaj fervora portugala esperantisto.

Ĝi ankaŭ publikigis la regularon de "Skolta Esperantista Ligo".

## RADIO KAJ ESPERANTO

En la Tago de Esperanto Brazila Ligo Esperantista kune kun Radio Clube do Brasil organizis programon konsistantan el paroladoj, deklamado kaj kanto. La dissendado daŭris unu horon kaj finiĝis per la esperanta himno "La Espero". Faris belegan paroladon generalo d-ro Moreira Guimarães, prezidanto de la Societo de Geografio, deklamis f-ino Maria Sabina kaj kantis f-inoj Dila Cruz kaj Olga Jacobina, kiu sin akompanis per gitaro, S-ino Jucira de Albuquerque Lima kaj la konata tenoro Oscar Gonçalves. La dana esperantisto s-ro ingo. Henry Jorgenson salutis la brazilan esperantistaron en la nomo de la fremdaj samideanoj.

Jen la programo:

Parolado en portugala lingvo pri Esperanto. S-ro generalo Moreira Guimarães, prezidanto de la Societo de Geografio.

"Mia lando havas palmojn", poezio de Gonçalves Dias tradukita de S-ro Franz Lorenz kaj muziko de S-ro Querino de Oliveira. S-ino Jucira de Albuquerque Lima.

"Norda kanteto" (*kamparana kanto*) Poezio tradukita de d-ro J. B. Mello e Souza. F-ino Olga Jacobina.

"Nia lando", poezio de d-ro J. B. Mello e Souza kaj muziko de S-ro Querino de Oliveira. F-ino Dila Cruz.

"Preĝo sub la verda standardo". Poezio de Zamenhof. F-ino Maria Sabina.

"Ario de l' Duko", El "Rigoleto", de Verdi, tradukita de s-ro Paul Bennemann. Tenoro Oscar Gonçalves.

"La vojo". Poezio de Zamenhof kaj muziko de Ronald G. Tomblino. S-ino Jucira de Albuquerque Lima.

"Kelkaj vortoj en Esperanto", en la nomo de la fremdaj esperantistoj. S-ro inĝ. Henry Jorgenson, dana esperantisto.

"La Espero", himno esperantista. Orkestro de Radio Klubo de Brazilo.

La nuna prezidanto de tiu ĉi klubo estas s-ro inĝ. Agenor de Miranda, konsilanto de Brazila Klubo "Esperanto".

———⊛———

LA 26ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO OKAZOS EN STOCKHOLM, ĈEFURBO DE SVEDUJO, DE LA 4a ĜIS LA 11a DE AŬGUSTO 1934.

## O concurso de tradução instituido pelo "Brazila Klubo Esperanto"

Damos neste número o resultado do concurso de tradução, aberto pelo "Brazila Klubo Esperanto", do conto indígena "A onça e o gato". Poucos "samideanoj" se animaram a concorrer neste interessante certamen; entretanto, é êste um meio de praticar o idioma, e a êle deveriam afluir muitos dos nossos correligionários — que os temos de valor —; tornando-se assim o prélio mais animado e vivo.

A comissão julgadora foi composta dos drs. Alberto Couto Fernandes, presidente da "Brazila Ligo Esperantista", e Porto Carreiro Neto, secretário geral da mesma, e da senhorita Iraní Baggi de Araujo, 2ª secretária. A comissão resolveu conferir o primeiro prêmio ao sr. Paulino Santiago, que se apresentou com o pseudônimo "Esperanto venkos", e o segundo prêmio ao sr. Viterbo de Carvalho, com o de "Carvimasi"; são ambos fervorosos Esperantistas, aquele de Maceió, Alagoas, e êste de Porto Alegre, Rio Grande do Sul.

Publicamos a seguir a tradução do primeiro classificado, á qual achou a comissão conveniente fazer ligeiras modificações, que entretanto não atingiram o mérito do trabalho.

Congratulando-nos com o prezado "samideano", aquí damos a sua composição:

## LA JAGUARO KAJ LA KATO

Jaguaro petis al kato, ke ĝi instruu ĝin kiel salti, kaj la kato senprokraste tion faris. Poste, survoje al la fonto, kien ili sin turnis duope por trinkado, ili vetis, kiu el ambaŭ saltas pli lerte. Ĉe la fonto ili ekvidis la lacerton kaj la jaguaro tuj proponis:

— Nu, kolego, ni provu, kiu el ni per unu sola salto kaptos la kamaradon lacerton.

— Estu, responde la kato diris.

— Nur se vi saltos la unua, ruzproponis la jaguaro. La kato alsaltis sur la lacerton: la jaguaro dume sin ĵetis sur la katon, sed tiu ĉi per saltego flanken forsaviĝis. Konfuziĝinte, la jaguaro riproĉis:

— Ĉu vi tiamaniere instruis min, kunulo kato?!

— Hm! la kato respondis. Ne ĉion la majstroj instruas al siaj disĉiploj.

*Paulino Santiago.*

## ASOCIO DE KOMERCOFICISTOJ EN RIO DE JANEIRO KAJ ESPERANTO

Ricevinte peton de la prezidanto de B. K. E. la estraro de la *Asocio de Komercoficistoj* (A. E. C.) decidis malfermi senpagan kurson de Esperanto, en kiu tuj enskribiĝis pli ol 50 personoj. Bona reklamilo sur nigra tabulo ĉe la pordo de la sidejo de A. E. C. vokas la atenton de la pasantoj. La nuna prezidanto de tiu grava asocio estas s-ro Rinaldo de Souza, kiu antaŭlonge oficis kiel vicprezidanto de Brazila Esperantista Klubo, kiu funkciis ĉe la Kristana Asocio de Junuloj.

S-ro Rinaldo reprezentiĝis ĉe la malferma leciono de l' kurso, kiu okazis la duan de Junio. Tiam S-ro Ary Guimarães, Lernada Direktoro, diris kelkajn kuraĝigajn vortojn al la gelernantoj.

La kurso, kiu funkciis marde kaj vendrede, daŭris tri monatojn, sub la gvidado de d-ro Luiz Porto Carreiro Neto, vicprezidanto de B. K. E. kaj lingva-komitatano. Eble en la monato Oktobro malfermigôs alia kurso kaj d-ro Porto Carreiro Neto malfermos superan kurson.

Tri lernantoj, nome s-roj Antonio F. de Sampaio Marques Filho, Aquino Furtado kaj Lucio Costa aliĝis al B. K. E. kaj alia, d-ro Sylvio do Valle Amaral, advokato, aliĝis al B. L. E., kiel bonfarinta ano.

S-ro Aquino Furtado skribis, sub la titolo "Notoj de Lernanto" du artikolojn por Esperanto per la kolonoj de "Revista da A. E. C.", organo de tiu asocio, kiu oficiale sciigis sian legantaron pri la kurso.

Plezure ni rememorigas ke ĉe A. E. C. funkciis pluraj kursoj de Esperanto, inkluzive la unua malfermita en Brazilo, kaj en ĝia luksa salonego, ĝentile senpage cedita, okazis la kunsidoj de la Unua Brazila Kongreso de Esperanto kaj diversaj koncertoj organizitaj de B. L. E. kaj B. K. E.

### RUA ZAMENHOF

Já existem ruas e praças com o nome do criador do Esperanto nas seguintes localidades:

Dresden e Düsseldorf, na *Alemanha*; Viena, na *Austria*; Rio de Janeiro; Barcelona, Cassa, San Feliu de Guixols, Terrasa, Vich e Vinaroz, na *Catalunha;* Castelon de la Plana e Matadespera, na *Espanha*; Amiens, Boulogne s/m, Cagnes, Cannes, Issy-les-Molineux e Soutteville-les-Rouens, na *França*; Bergen-op-Zoom, na *Holanda*; Milão, na *Italia*; Riga na *Letonia*; Kaunas, na *Lituânia*; Bialystok, Cracóvia e Lodz, na *Polônia*; Barnaul, na *Sibéria*; Dankov, Gdov e Vitebsk, na *Rússia*: Bratislava, Bor Haida, Drahovice, Nové Zámky e Olomouc, na *Checo-Eslováquia*.

Além dessas ha diversas ruas com o nome Esperanto, em cidades como Rio de Janeiro e Aracajú, no *Brasil*; Danzig (2); Viroflay e Mulhouse, na *França*.

# Um trecho da «Viuvinha» de J. de Alencar

*Tinha decorrido um ano.*

*Começou a viver dentro do seu coração, com as reminiscências do seu amor, com uma sombra que se sentava a seu lado, que lhe murmurava ao ouvido palavras sempre repetidas e sempre novas. Sonhava no passado; diferente n'isso das outras moças, que sonham no futuro.*

*Mas um coração de 15 anos é um tirano a que não ha resistir; e Carolina não contara com êle.*

*Quando uma planta delicada nasce entre a sarça, muitas vezes o fogo lhe queima a rama e o hastil: ela desaparece, mas não morre, que a raiz vive na terra e ás primeiras águas brota e pulula com toda a fôrça de vegetação que incubara no tempo de sua mutilação.*

*O coração de Carolina fez como a planta. Apenas aberto, a desgraça o cerrara; mas veiu a calma, e êle tornou a abrir. A princípio bastou a saudade para enchê-lo; depois desejou mais, desejou tudo. Tinha sêde de amor; e não se ama uma sombra.*

*O mundo ao longe corria ás vezes o pano a uma das suas brilhantes cenas e mostrava á menina refugiada no seu retiro e na sua saudade a auréola que cinge a fronte das mulheres belas; auréola que aos outros parece brilho de luz, mas que realmente é para aquelas que a trazem chama de fogo.*

*Carolina resistia envolvendo-se na branca mortalha de seu primeiro amor; mas a tela fez-se transparente, e não lhe ocultou mais o que ela não queria ver. Sentiu-se arrastar e teve medo.*

*Teve medo de esquecer.*

Estis forpasinta unu jaro.

Ŝi komencis vivi en sia koro mem, kun la rememoroj pri sia amo, kun ombro apud ŝi sidanta kaj flustranta ĉe ŝia orelo ĉiam rediratajn, tamen ĉiam novajn vortojn. Ŝi revis la estintecon; kaj per tio ŝi diferencis de la aliaj junulinoj, kiuj revas la estontecon.

Sed dekkvinjara koro estas tirano, kiun neniu povas kontraŭstari: kaj Karolino ne kalkulis je ĝi.

Kiam delikata plantaĵo ekkreskas inter dornujoj, ofte la fajro bruligas al ĝi la branĉaron kaj la trunketon; ĝi malaperas, sed ne mortas, ĉar ĝia radiko vivas en la tero; superverŝita per akvo, jen ĝi tuj reekburĝonas kaj vivas kun sia plena vegetforto, kiun ĝi konservis dum sia kripleco.

Al la koro de Karolino okazis, kiel al la plantaĵo. Apenaŭ ĝi malfermiĝis, ĝin tuj fermis la malfeliĉo; sed revenis la trankvilo, kaj ĝi malfermiĝis denove. Komence, sufiĉis al ĝi la saŭdado por ĝin plenigi; poste, ĝi deziris pli, deziris ĉion. Ĝi soifis amon: kaj oni ne amas ombron.

La mondo malproksima, kelkafoje levante la kurtenon, prezentadis unu el siaj brilaj scenoj kaj montradis al la knabino izolita en sia apartejo kaj en sia saŭdado la aŭreolon ĉirkaŭantan la frunton de la belaj virinoj: aŭreolon, kiu ŝajnas al la aliaj homoj lumbrilo, sed kiu ja estas, por iliaj portantinoj, fajroflamo.

Karolino kontraŭstaris tiajn invitojn, envolvante sin en la blanka mortvesto de sia unua amo; sed la tolaĵo travidebliĝis kaj ne plu kaŝis al ŝi tion, kion ŝi ne volis vidi. Ŝi sentis sin altrenata, kaj ektimis.

Ŝi timis forgesi.

## Observações.

*Sombra que se sentava ao seu lado* — O sentido é: "sombra que ficava, ou vivia, sentada ao seu lado", logo, *sidanta*: particípio presente para exprimir duração de ação; do mesmo modo *flustranta*.

*Diferente n'isso das outras moças* — Como língua clara e lógica que é o Esperanto, não nos sentiríamos bem dizendo apenas, p. ex.: "malsama je la aliaj junulinoj"; preferimos por isto dizer "e n'isto ela se diferençava..."

*A que não ha resistir* — Significa: ao qual não ha nada que lhe possa resistir, ou: ao qual ninguem pode fazer resistência, ou tem meios de resistir.

*Carolina não contara com êle* —O mais que perfeito "contara" pode aí traduzir-se pela forma do passado simples "contou": lembremo-nos de que as formas simples são preferíveis ás compostas, quando possível.

*Entre a sarça* — Quer dizer "no meio da sarça"; mas, usando a preposição *inter*, fomos obrigados a empregar o plural: "dornujoj".

*Tempo de mutilação* — Vertemos como sendo "o estado de mutilação": "estado" é, em Esperanto, mais preciso aí do que "tempo".

*O coração de Carolina fez, etc.* — Mais exatamente: "ao coração de C. aconteceu etc.", porque, lógica e realmente, o coração "sofreu", e não, executou uma ação.

*Apenas aberto, a desgraça o cerrara* — Sendo o sujeito de "aberto" diferente do de "cerrara", não podemos dizer: "apenaŭ malfermita, la malfeliĉo..."; do mesmo modo que a locução: "Tendo chovido, não pude vir" não se pode traduzir *verbum ad verbum*: é preciso transformar a frase, como, p. ex., do modo por que fizemos. Empregámos "malfeliĉo", e não "malfeliĉeco" por estar nessa frase a palavra "desgraça" com o seu sentido genérico. "Malfeliĉeco" é o *estado* de desgraça, a *condição* de desgraçado.

*Saudade* — Diz-se correntemente "sopiro" ou "resopiro"; nós, da língua portuguesa, insistimos em dizer "saŭdado", que nos parece mais expressivo.

*Carolina resistia* — E' necessário, em Esperanto, concluir a oração: "C. resistia a êsses convites", ou por outro modo.

*Teve medo de esquecer* — Na frase anterior dissemos com o verbo "ektimi" (comêço de ação *ek*). Nesta, que agora vemos, preferimos dizer "timi", porque êsse receio durou por todo o tempo em que a heroina do romance resistiu á conquista, de que se trata a seguir.

PORTO CARREIRO NETO, LK.

---

# MILITISTA VIVO

## KORESPONDADO DE REKRUTO

(HUMBERTO DE CAMPOS)

### I

"Mia kara patro,

Mi alvenis al Rio de Janeiro la duan de l' nuna monato, kune kun la ceteraj soldatoj de nia bataliono, la 15a de infanterio. La militista vivo tre plaĉas al mi. Bonvolu diri al mia patrineto ke ŝi ne zorgu pri mi kaj ne forgesu ricevi la sumon de 18 milrejsoj, kiun Antoĉjo ankoraŭ ŝuldas al mi pro la vendo de la *bikudo* (1) kaj de la papago. Alvenis putra la dolĉaĵo en la skatolo sendita de Rajmonjo. Torkvato, filo de s-ino Antonjo, estas kaptita de maldigestado pro manĝita akvomelono kaj estas en la Hospitalo. Mi petas ke vi sendu al mi la sumon de 150 milrejsoj por ke mi povu aĉeti novan uniformon, ĉar la infanteria servado tre ŝiras niajn vestojn.

Memorigu min al la niaj, kisu patrineton kaj benu vian filon

*Frederiko*".

### II

"Frederiko, mia filo,

Mi ricevis vian letereton kaj tre ĝojis pro viaj informoj pri la militista vivo. Via patrino multe ploradis pro via foresto, sed ŝi jam estas iom konsolita. Rajmonjo preparas alian dolĉaĵon por sendi al vi.

Mi sendas al vi la petitan sumon por aĉetado de nova uniformo. Mi memorigas vin ke, enkalkulante tiun sumon, vi jam elspezis depost via foriro la sumon de 1.250 milrejsoj. Estas tre strange ke vi estas devigata aĉeti ĉion — boton, uniformon, kepon, karabenon, kaj eĉ municion, dum la ceteraj rekrutoj ĉion ricevas de la registaro. Vi estas la sola, ĝis hodiaŭ, uniformvestita kaj armita je kostopago de sia patro. Ricevu la kisojn de via patrineto kaj ĉirkaŭprenon de via patro kaj amiko

*Eleŭtero*".

### III

"Mia kara patro,

Ne estis sen ĝojo kaj samtempe sen malĝojo, ke mi ricevis vian letereton, per kiu vi sciigas min pri la niaj kaj faras al mi maljustajn admonojn pri la mono de mi jam ricevita.

Mi bone scias ke estas knaboj, inter kiuj troviĝas tiuj venintaj el tie, kiuj ricevis de la registaro la boton, la uniformon, la ledaĵaron, la armilojn kaj la municiojn. Tamen kredu ke neniu bonfamilia filo faris tion, peze ŝarĝinte la regnan Kason. Ĉiu sinestimanta rekruto sin vestas kaj sin armas kostopage de sia patro.

Rilate tion, mi komunikas al vi ke nia regimentestro decidis transloki min en la kava-

(1) Bikudo, brazila birdo.

lerion. Tio estas honoro de malmultaj atingita. Tamen, ĉar estas necese ke mi akiru novan uniformon kaj ĉevalon, mi petas ke vi sendu al mi plian sumon de 1.000 milrejsoj. Mi esperas ke mia patreto nepre sendu al mi tiun sumon postulitan de la militaj progresoj de via filo kaj memorigu min al mia patrineto. Benu vian tutkore

*Frederiko*".

IV

"Mia filo,

Jen mi sendas al vi la sumon de 1.000 milrejsoj, por ke vi aĉetu ĉevalon kaj la uniformon postulitan de la nova armeparto, en kiu vi servos.

Nun, mia filo, plenumu peton, samtempe mian kaj de via parineto: tute ne akceptu vian translokon en la Marmiliton. Vi bone scias ke ni estas malriĉaj kaj tute ne povus aĉeti por vi kirasŝipon.

Via patro

*Eleŭtero*".

Tradukis *A. Couto Fernandes.*

## PROPAGANDA DO ESPERANTO NO BRASIL

A Liga Esperantista Brasileira, com a benévola cooperação da imprensa, tem continuado e desenvolvido a propaganda do Esperanto no interior do país.

Aos jornais, cujos nomes publicámos em nosso número anterior, temos a acrescentar os seguintes, sendo provável que ainda outros tenham inserido as notas fornecidas pela Liga:

AMAZONAS. "O Jornal", **Manaus.**
CEARÁ. "O Jaguaribe", **Aracatí.**
RIO G. DO NORTE. "O Jornal", **Natal.**
PARAÍBA. "A União", **João Pessoa.**
ALAGOAS. "O Semeador", **Maceió.**
E. SANTO. "Diario da Manhã", **Vitória.**
Estado do Rio. "Jornal de Petrópolis", **Petrópolis**; "O Nova Friburgo", **Friburgo.**
S. PAULO. "Diario Popular", e "A Gazeta", **S. Paulo.**
MINAS GERAES. "Estado de Minas", **B. Horizonte**; "Queluz de Minas", **Queluz.**
RIO DE JANEIRO. "Diario de Noticias", "O Malho", "A Vanguarda", "A Leitura", "Mundo Espirita", "Revista A. E. C.".

A Liga está muito penhorada á gentileza de todos êsses acatados periódicos.

O quadro abaixo mostra quantas pessoas fóra desta capital escreveram no corrente ano á Liga pedindo informações; de quantos lugares vieram os pedidos e quantos jornais do interior graciosamente auxilaram a propaganda.

| ESTADOS | Pessoas | Localidades | Jornais |
|---|---|---|---|
| S. Paulo | 70 | 31 | 6 |
| Minas Gerais | 59 | 38 | 5 |
| Rio G. do Sul | 49 | 26 | 4 |
| Baía | 27 | 10 | 2 |
| Pernambuco | 18 | 8 | 3 |
| Paraná | 11 | 4 | 2 |
| Paraíba | 9 | 6 | 2 |
| S. Catarina | 8 | 4 | 4 |
| Ceará | 8 | 3 | 2 |
| Maranhão | 8 | 4 | 2 |
| Estado do Rio | 6 | 6 | 4 |
| Goiaz | 5 | 4 | 1 |
| Rio G. do Norte | 4 | 2 | 1 |
| Alagoas | 4 | 2 | 2 |
| Espirito Santo | 4 | 2 | 2 |
| Piauí | 3 | 2 | — |
| Amazonas | 2 | 2 | 1 |
| Pará | 1 | 1 | — |
| Sergipe | 1 | 1 | — |
| Mato Grosso | 1 | 1 | — |
| Territorio do Acre | 1 | 1 | 1 |
| Distrito Federal | 3 | 1 | 11 |
| Total | 302 | 159 | 55 |

Os novos cursos por correspondencia são, por ordem decrescente, de pessoas dos seguintes Estados: Rio Grande do Sul, S. Paulo, Minas Gerais, Ceará, Paraíba, Alagoas, Espirito-Santo e Território do Acre.

Os prospectos com informações sôbre a lingua internacional auxiliar e os catalogos de livros em e sôbre o Esperanto são remetidos gratuitamentte a todas as pessoas que os pedirem.

## BRAZILA KRONIKO

ŜTATO AMAZONAS. — *Manaus.* Longa artikolo de s-ro Sebastião Augusto pri "Esperanto en Brazilo" aperis en "O Jornal".

ŜTATO CEARÁ. "Correio do Ceará", el *Fortaleza*, kaj "O Jaguaribe", el *Aracatí*, publikigis notojn pri Esperanto.

ŜTATO RIO G. NORTE. — *Natal.* S-ro Luiz Cruz, telegrafoficisto, aliĝis al B. L. E. "O Jornal" aperigis noton pri Esperanto.

ŜTATO PARAÍBA. — *João Pessoa.* Informo pri Esperanto aperis en "A União".

*Picuí.* Enskribiĝis en la kurso per korespondado S-ro Manoel Pereira do Nascimento.

ŜTATO PERNAMBUCO. — *Recife.* La "Asocio de Komercoficistoj" malfermis kurson de Esperanto, kiun direktas S-ro Tomaz Tenorio Vila Nova. Ĝi funkcias en salono de "Gabinete de Cultura Profissional" (Strato Imperatriz, 67).

"Diario de Noticias" publikigis longan artikolon titolitan "Esperanto kaj la registaroj".

ŜTATO E. SANTO. — *Vitoria.* Realiĝis al B. L. E. la malnova esperantisto d-ro Artur L. de Araujo Primo, supera juĝisto,

La ĵurnalo "Diario da Manhã" transkribis la paroladon faritan de Generalo Moreira Guimarães per la mikrofono de "Rádio Clube do Brasil".

ŜTATO S. PAŬLO. — *S. Paulo*. Fondiĝis en antaŭurbo "Belenzinho" nova grupo, kun 20 membroj, kiu ricevis la nomon "Populara Esperantista Grupo". En ĝia sidejo, Av. Celso Garcia, 506, funkcias kurso sub la gvidado de S-ro Egon Schaden. Diversaj notoj pri Esperanto aperis en la lokaj ĵurnaloj. "Revista Taquigrafica", oficiala organo de la *Brazila Stenografia Federacio*, publikigis noton pri la revuo "Fluganta Skribilo". Aliĝis al B. L. E. S-ro Vitor Miniero.

*Barretos*. — Enskribiĝis en la kurso per korespondado S-ro Antonio Branco.

ŜTATO RIO G. SUL. — *Livramento*. La 31an de Julio la anoj de Urugvaja Brazila Esperantista Ligo festis la unuan datrevenon de la fondo de tiu asocio per tagmanĝo okazinta ĉe la restoracio "El Milagre" en la brazila urbo Livramento. Paroladis s-roj Carlos Brug, prezidanto, Mario Prestinari, sekretario, kaj la lernanto Lysippo Rodriguez, kiu faris alvokon al siaj kunuloj por ke ili vigle laboru por la disvastigo de Esperanto.

Tiam la anoj de U. B. E. L. loĝantaj en tiu urbo fondis apartan grupon, kiu ricevis la nomon "Livramento Esperanto-Grupo" kaj, laŭ oni sciigis nin, baldaŭ aliĝos al B. L. E.

*Encantado*. Aliĝis al B. L. E. s-ro José Maria Braga.

*Sto. Inácio da Feliz*. Enskribiĝis en la kurso per korespondado s-ro José Waldert Filho.

ŜTATO MINAS GERAIS. Notoj pri Esperanto aperis en la ĵurnaloj "O Estado de Minas", el *B. Horizonte*, kaj "Queluz de Minas, el *Queluz*.

*Campanha*. Aliĝis al B. L. E. d-ro Chagas de Miranda, advokato.

TERITORIO ACRE. Enskribiĝis en la kurso per korespondado s-ro Antonio Bandeira Coelho, el *Rio Tarauacá, Acurana*.

RIO DE JANEIRO. Vizitis la sidejon de B. L. E. la fremdaj esperantistoj s-ro Enrique Legrand, urugvajo, Roger Goodland, anglo, kaj Jakob Kristoferson, svedo.

"Jornal do Comércio" kaj "O Globo" publikigis ĉiujn notojn al ili senditajn de B. L. E. Estas menciindaj la ilustritaj artikoletoj aperintaj en tiu ĉi multlegata vesperĵurnalo pri la Hungaraj poŝtkartoj, Esperanto kaj la Polico, kaj Kola Ajakio, nigra apostolo de Esperanto.

"Correio da Manhã", krom diversaj notoj, aperigis artikoleton titolitan "La scienca helplingvo".

"Diario de Notícias" publikigis korespondaĵon el *Barkelek* (*Califórnia*) elmontrantan la praktikan uzadon de Esperanto.

"A Vanguarda", telegramon pri la kongreso de Esperanto en *Santander*.

"A Leitura", duomonata revuo, kies direktoro estas s-ro Edmundo Siqueira, aperigis artikolon de S-ro Alvaro A. Domingues Gomes titolitan "La internacia lingvo Esperanto".

Tiu-ĉi publikigis informojn pri B. L. E. en la 3a numero de siaj "Opúsculos Populares" (Popularaj Libretoj).

---

## O PRÊMIO NOBEL E COELHO NETO

Tendo o "Brazila Esperantisto" publicado a tradução, na íntegra, da moção com que a Academia Brasileira de Letras apresentou a candidatura do Sr. Coelho Neto ao prêmio Nobel de Literatura, a "Liga Esperantista" enviou essa tradução á Federação Esperantista Sueca, recebendo em resposta a seguinte carta:

"De posse de sua carta e da tradução referente ao candidato brasileiro ao prêmio Nobel, Coelho Neto, escrevemos sôbre o assunto uma nota, que remetemos á imprensa. Publicaram-na, cremos, todos os jornais da Suécia, mesmo os menores, das províncias. Mandamos-lhes um exemplar dos mais importantes da capital. Enviamos os jornais inteiros, porque pensamos que será talvez interessante para os esperantistas brasileiros conhecerem as gazetas suecas. Poder-se-ia também organizar uma pequena exposição com êles. O Esperanto tem feito bons progressos na Suécia. Saudamo-los cordialmente etc. — **Paul Nylén**".

Os jornais mandados pela Federação Esperantista Sueca são: ""Nya Dagligt Allehanda", "Social-Demokraten", "Aftonbladet", "Dagens Nyheter", "Stockolmo-Tidningen", "Svenska Dagbladet" e "Svenska Esperanto-Tidningen", que todos trazem em destaque a notícia da candidatura brasileira.

Em sessão da Academia de Letras a "Liga Esperantista Brasileira" apresentou êsses jornais, por intermedio do Sr. Afranio Peixoto.

Vários trabalhos do Sr. Coelho Neto acham-se traduzidos por esperantistas e foram publicados em revistas de Esperanto, preferência que se explica não só pelo valor da obra como pela simpatia que o grande escritor sempre demonstrou para com a língua auxiliar internacional.

"O Malho" publicou, a respeito, com o titulo "O Esperanto em propaganda do Brasil no estrangeiro", uma detalhada noticia e reproduziu um trecho de um dos jornais acima mencionados.

Diversos jornais do Rio de Janeiro e dos Estados noticiaram o fato.

## PELO ESTRANGEIRO

### O Esperanto e os governos

Por proposta do dr. Brillant, conselheiro municipal, o conselho de Rueil — Malmaison (próximo de Paris) aprovou um voto sôbre o ensino obrigatorio do Esperanto nas escolas, e votou uma subvenção de 300 fr. ao grupo local. Votos favoráveis ao ensino do idioma auxiliar nas escolas foram ultimamente aprovados pelos conselhos municipais de Buxy (Borgonha), Gap (Baixos-Alpes), Bouches-du-Rhône, Allier e Marne.

O orçamento municipal de Kortrijk, Bélgica, unanimemente aprovado, inclue na rubrica "despesas correntes" a importancia de 500 fr. para que o clube local organize cursos públicos e gratúitos de Esperanto; para estes cursos o grupo dispõe, sem nenhuma contribuição monetária, dum grande salão no Conselho.

O ministerio do exterior da Rumânia enviou um ofício ao sr. T. Morariu, professor de Esperanto, no qual declara considerar a importância deste idioma, estando pronto a auxiliar na edição duma brochura de turismo e propaganda do país, redigida em Esperanto.

### O Esperanto entre os professores

Instalou-se em junho dêste ano uma Secção Esperantista na Associação dos Professores Poloneses, de Varsóvia. Esta Associação é a organização mais importante entre os professores da Polônia, contando cêrca de cincoenta mil sócios, muitos deles de renome mundial. Edita vários orgãos pedagógicos, nos quais aparecem frequentes comunicações sôbre o Esperanto. Cursos do idioma auxiliar já teem funcionado na sua sede.

### O Esperanto e a ciência

Os srs. T. Teitchi e O. Kacumi, da faculdade técnica da Universidade de Uaseda, Japão, inseriram um ensaio de termos de eletrotécnica, em Esperanto, no órgão do Instituto Eletrotécnico daquela cidade.

### O Esperanto no turismo

Ao lado das muitas brochuras de turismo, editadas por várias cidades do mundo, entre as quais o Rio de Janeiro, o Escritório Central de Turismo, da Estônia, acaba de publicar uma brochura ricamente ilustrada, com o título: "Vizitu Estonion!", redigida em Esperanto. Como todas as outras, essa publicação pode ser enviada a quem a pedir áquele escritório.

### O Esperanto nas feiras

Por ocasião da Feira de Budapest, realizaram-se várias sessões de Esperanto no Clube de Escoteiros, na Associação Nacional e sociedade Húngara de Esperanto.

A comissão diretora da Feira de Lwów, Polônia, realizada de 3 a 8 de junho do corrente ano, pôs uma barraca á disposição dos Esperantistas, tendo assim os Esperantistas estrangeiros nessa feira um ponto de reunião. Fez-se dêste modo uma boa propaganda do Esperanto entre os milhares de visitantes dêsse certame.

### O Esperanto no comércio

Solicitada pelo presidente do grupo local de Nurenberg da Associação Esperantista Alemã, a casa editora do Livro de Endereços daquela cidade resolveu incluir o Esperanto na parte de endereços de exportadores, ao lado do alemão, inglês, francês, italiano e espanhol, em igualdade de condições.

### O Esperanto nas estradas de ferro

A Direção Geral das Estradas de Ferro da Federação Austríaca, em aviso do ano passado, declarou que os condutores, que desejem trabalhar nos trens rápidos, devem saber um segundo idioma ou o Esperanto. A Direção todos os anos faz o seu pessoal submeter-se a um exame de Esperanto.

### O Esperanto entre os escoteiros

A Liga Escoteira da Hungria publicou, por ocasião do jâmburi em Godollo, realizado em agosto dêste ano, um vocabulário para escoteiros, no qual as palavras mais importantes da língua húngara são explicadas em alemão, francês, inglês e Esperanto.

No Círculo de Escoteiros, de Budapest, realizaram-se conferências, com projeções, sôbre viagens pelo Reno, desde Francfort até Colônia, sôbre Roma, Brasil e outros paises e localidades.

### O Esperanto e o rádio

Após o extraordinário sucesso, nunca atingido, das informações sôbre a Polônia, feitas em Esperanto, transmitidas pelas estações de rádio daquele país, iniciaram-se regularmente todas as semanas essas irradiações, que duram 15 minutos, das estações de Varsóvia e de Cracóvia. De maio a agosto fizeram palestras os seguintes senhores: drs. F. Burdecki, Prof. O. Bujwid, T. Hodakowski, Prof. Lempicki, Prof. R. Wacek e Z. Sobolta, sendo que o Prof. Bujwid, que já esteve entre nós, fez duas palestras. A 14 de junho p. p. a direção geral das estações de rádio polonesas permitiram a transmissão dum concerto de músicas daquele país, o qual foi precedido duma palestra, em Esperanto, do professor Hodakowski, da Universidade de Cracóvia, sôbre "A beleza da música polonesa".

Graça aos esforços da Sociedade Francesa para a propagação do Esperanto e ao apoio do vice-ministro do Turismo, sr. Appell, o ministro dos Correios e Telégrafos pôs á disposição daquela sociedade a estação nacional de rádio da Torre Eiffel para irradiações, em Esperanto, de turismo na França. Essas transmissões se fazem todos os sábados, sendo sempre ouvido, antes do seu início, o hino "La Espero".

## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

RAPORTO DE LA AEROLOGIA OBSERVATORIO DE TATENO. N.º 4, unua kaj dua partoj. Eldonita de la Aerologia Observatorio, *Tateno apud Tutiura (Ibaraki-ken), Japanujo* — 1930. Tiu ĉi verko estas bazita sur la pilotbalon observadoj faritaj dum la jaroj 1923-1927 en la citita observatorio, kies estro estas s-ro W. Oishi.

BUKEDO. Elektitaj rakontoj skribitaj en Esperanta stenografio Duploye — Flageul. Prezo: unu respondkupono. Eldonejo de Esperanta Stenografio: 9, *Bd. Voltaire. Issy-les-Moulineaux. Seine, Francujo.*

REALIGO DE NORMA SOCIO, de Okamoto-Rikiĉi. Volumo IX de Evangelioj de Belismo. Prezo: 0,25 yen. Adreso de la verkinto: *Araiŝind n. Niibaru-mura. Tuzukigun, Yokoama, Japanujo.*

HUNGARA ĜENERALA KREDITBANKO (Magyar Atalános Hitelbank), Budapest 5, Dorotlyau, 5 ka Josef — tér 2-4. Alian fojon tiu ĉi banko eldonis 4-paĝan prospekton sur luksa kartono en Esperanto.

KOPENHAGO, bela faldprospekto. Ĝi informas koncize pri la ĉefurbo de Danlando, la urbo de la belaj turoj kaj estas eldonita de la dana turista unuiĝo. Ĝi estas senpage havebla ĉe: Turistforeningen for Danmark. Vester Boulevard 18, Kopenhago, aŭ "Societo de Danaj Esperantistoj. Fredericiagade 6, Kopenhago, Danlando.

WIT STWOSZ, dr. Jerzy Dobrzycki. Radioprelego tradukita esperanten kaj aŭdigita en Krakow, Warsawa, kaj aliaj polaj stacioj de Tadeusz Hodakowski la 8-3-1933, okaze de 400-jara mortotaga datreveno de la genia skulpisto. Petu ekzempleron al *Pollanda Esperanto-Delegitaro. Lubicz 34. Kraków, Pollando.*

JAMBOREA VORTARO. Tria eldono en germana, franca, hungara kaj angla lingvoj kaj en Esperanto.

WASHINGTON HOUSE. Poŝtkarto kun bildo kaj informoj en Esperanto pri tiu belega hotelo, staranta sur *Parco Marherita*, 36, *Napoli. Italujo.* Speciala prezo por esperantistoj.

UNUA SLOVAKA KRISTANA PRINCO. Mil cent jaroj de kristaneco en ĉeĥoslovaka teritorio. Pro mil-centjara datreveno de konstruo de la unua kristana preĝejo en ĉehoslovaka teritorio. Laŭ verko de D-ro J. Hodál kompilis kaj el la slovaka tradukis St. Kamaryt. Eldonis Komitato de Pribina — festoj en Nitra. Komisiita por propagando: Slovaka Porfremdula Asocio en Bratislava, hotelo Savoy (Ĉekoslovakujo).

JARLIBRO de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio, 1932-1933. Ĝi entenas la Regularon de la Lingva Komitato kaj liston de la lingva-komitatanoj kaj akademianoj. Esperantista Centra Librejo, 11, Rue de Sévres (6e). Prezo: 2 fr.

LA VOJAĜOJ DE GULIVERO. 1a parto. Vojaĝo al Liliputlando. Esperantigis Jos. A. de Roos. Prezo: unu kaj kvarona holanda guldeno. Eldonejo Piet Sonito, *Korvelsche weg* 85. *Tilburg. Nederlando.* Kun dukolora kovrilo la libro enhavas dekduon da specialaj desegnajoj. Korekta kaj agrabla stilo. Ni notis du nenecesajn neologismojn: *baŭmi* kaj *vehiklo* kaj kelkafoje: *estis ata* anstataŭ *estas ita.*

---

POŜTKARTO kun bildo de la grandioza monumento de Jesuo Kristo sur monto Korkovado ĉe Rio de Janeiro; teksto en Esperanto. Prezo: 4 kartoj — 1 respondkupono. Havebla ĉe S-ro A. Couto Fernandes. *Rua Alice, 65. Rio de Janeiro. Brazilo.*

---

## ESPERANTO-INSIGNOJ

**Prezo: 3$000**

Simpla steleto

Steleto kun la litero E.

Steleto kun la vorto "Esperanto".

---

## TEKNIKA MEDICINA VORTARO

La esperanta teknika medicina vortaro de D-ro BRIQUET estis delonge atendata. Ĝi estas eldonita de Internacia Medicina Revuo. Zorge bindita, presita sur luksa papero, ĝi estas grava verko (360 paĝoj; 3675 vortoj, la plej multaj kun derivajoj kaj diverslingvaj tradukoj).

La prezo de la volumo bindita estas *2 dolaroj* (14,40 belgoj aŭ 72, — belgaj frankoj).

Por ricevi la libron rekomendite, oni aldonu 1 belgon (5 belgajn frankojn).

Mendu ĉe: INTERNACIA MEDICINA REVUO. 225, avenue Longchamp, Bruxelles (Belgujo).

Presejo: Fratoj Pongetti. Av. Mem de Sá, 78 — Rio de Janeiro.